MACAULAY

# HORACIO

## EL LA BALADOJ PRI ANTIKVA ROMO

DUA ELDONO





TRADUKIS
C. BICKNELL

BORDIGHERA
STAB. TIP. P. GIBELLI
1907

MACAULAY

# HORACIO

## EL LA BALADOJ PRI ANTIKVA ROMO

DUA ALDONO



TRADUKIS
C. BICKNELL

BORDIGHERA
STAB. TIP. P. GIBELLI
1907

Al ĉiuj Italaj Esperantistoj

mi dediĉas tiun-ĉi tradukaĵon.

C. BICKNELL.

---

*Bordighera, 1907.*

---

# ANTAŬPAROLO.

Thomas Babington Macaulay, verkisto kaj historiskribanto, unu el la plej gloraj Anglaj kleruloj en la lasta centjaro, naskiĝis en 1800.

Antaŭ ol li estis okjara, li verkis poezion kaj Resumon de Tutmonda Historio. Post tre honorplena universitata kurso, li baldaŭ komencis verki por revuoj, kaj liaj artikoloj tuj famigis lin. En 1826 li fariĝis advokato, kaj en 1830 parlamentano. En tiu tempo okazis gravaj malfeliĉoj al lia familio, kaj li estis tiel malriĉa ke li deviĝis vendi la oran medalon kiun li ricevis de la universitato. Sed en 1834 li estis elektita leĝkonsilanto al la Hinda registaro, kun salajro da dekmil funtoj sterlingaj. Post kvar jaroj en Hindujo li revenis hejmen kaj en 1839 estis denove elektita parlamentano. En 1842 li verkis la Baladojn pri Antikva Romo. En la ĝenerala elekto de 1847 li ne estis reelektita, sed li komencis sian plej faman verkon, La Historio pri Anglujo. Tiu-ĉi libro estis tradukita en preskaŭ ĉiujn Eŭropajn lingvojn, kaj dum dudekkvin jaroj centkvardekmil Anglaj ekzempleroj estis venditaj En 1857

la reĝino nobeligis lin, sed jam li ekmalsaniĝis kaj li mortis en 1859 antaŭ ol li finis la historion.

La rakonto pri Horacio troviĝas en la Historio pri la Roma Imperio de T. Livio, Lib. II, Ĉap. 10. La jena estas la tradukaĵo.

« Kiam la malamikoj alproksimiĝis, ĉiu kiu povis forlasis la kamparon kaj eniris la urbon. La urbon mem oni ĉirkaŭis per remparoj. Kelkaj lokoj en ĝi ŝajnis sendanĝeraj pro la muroj, kaj aliaj pro la kontraŭa Tibero. Nur la Ponto 'Sublicius' estis facila rimedo por eniro. Sed unu viro, Horacio Kokles, kiu okaze estis gardanto apud la ponto, ekvidis ke per subita atako Janikulumo estas jam kaptita, kaj ke la malamikoj rapidas malsupren; ankaŭ ke siaj timemaj kunurbanoj demetas la armilojn kaj forlasas la vicojn. Li riproĉis ilin individue, baris la vojon, kaj petegis je la nomoj de dioj kaj de homoj, ke ili ne forlasu la remparojn, ĉar ili nenion gajnos, kaj baldaŭ estos plimulte da malamikoj en la Kapitolina kaj Palatina Montetoj, ol en la Janikuluma. Li konsilis kaj petegis, ke ili detruu la ponton per hakiloj, fajro, aŭ ia ajn ebla rimedo. Li men tiel multe kiel eble unu korpo povos fari, kontraŭstaros al la atako. Li tiam iris al la alia rando de la ponto, kaj tie estis tre klare distingita inter la dorsoj de la malantaŭirantaj Romanoj. Li svingis siajn armilojn, kaj pro sia kuraĝo mirigis la malamikojn. Honora sento

tenis kun li du aliajn, Spurion Larcion kaj Titon Herminion, ambaŭ virojn tre konitajn pro iliaj deveno kai agoj. Kune kun tiuj-ĉi li kontraŭstaris al la unua danĝera kaj sovaĝa atako, kaj poste, ĉar nur restas iom da la ponto, kaj je la alvoko de tiuj kiuj estas dehakantaj ĝin, devigis siajn kunulojn sin savi. Tiam fiere rigardante la Ĉtruskajn ĉefojn, ĉu per batalinvitoj al individuoj, ĉu per riproĉoj al ĉiuj, li ekkriis, "Ho! sklavoj de fieraj reĝoj, vi neniel ŝatas vian propran liberecon kai vi venas ataki tiun de aliaj". Dum kelka tempo ili ŝanceliĝis, ĉar ĉiu atendis ke alia komencu la batalon. Fine honto ekscitis la vicojn, kaj kriegante, ili de ĉiu flanko ĵetis la lancojn sur la solan malamikon. Sed kiam ĉiuj pikiloj estis haltigitaj per lia ŝildo, kaj li ĉiam obstine gardis la ponton per senmova piedforteco, ili pensis forpeli lin per rapida atakego. Sed en tiu momento la bruo de la rompiĝanta ponto, kaj la ĝojaj kriegoj de la Romanoj pro la finiĝo de la detrua laboro, subite timegigis kaj haltigis ilin. Tiam Kokles diris. "Ho! Patro Tibero, mi kore petas ke via favorema rivero akceptu tiun-ĉi soldaton kaj liajn armaĵojn". Kaj, tion dirinte, li, tute armita, ensaltis en la Tiberon kaj malgraŭ la granda nombro da lancoj kiuj falis sur lin, li save tranagis al la siaj, farinte agon kiu en la estonteco estos pli faminda ol kredinda. Pro tia heroismo la ŝtato ne estis sendankema. Oni metis

statuon en la Kunvenejo, haj donacis al li tiom da kamparo kiom estis ĉirkaŭplugita en la daŭro de unu tago.

« Krom la publikaj honoroj, la malavareco de privataj urbanoj estis tre rimarkinda, ĉar ĉiu, malgraŭ la malsufiĉo, laŭ siaj kondiĉoj, donacis ion, kiel eble plej multe, eĉ malmultigante por tiu celo siajn proprajn vivrimedojn. »

Kredeble tiu-ĉi rakonto estas nur unu el la multaj antikvaj poeziaj legendoj pri la deveno kaj progreso de la urbo, kiujn la popolo kantis aŭ deklamis, sed kiuj, iom post iom, penetris en la kronikojn, kaj fine estis akceptitaj kiel faktoj.

La versoj de Macaulay pli malpli imitas la stilon de la antikvaj Anglaj baladoj.



# HORATIUS

*A Lay made about the year of the City CCCLX*

---

*Lars Porsena* of Clusium
By the Nine Gods he swore
That the great house of Tarquin
Should suffer wrong no more.
By the Nine Gods he swore it,
And named a trysting day,
And bade his messengers ride forth,
East and west and south and north,
To summon his array.

East and west and south and north
The messengers ride fast,
And tower and town and cottage
Have heard the trumpet's blast.
Shame on the false Etruscan
Who lingers in his home,
When Porsena of Clusium
Is on the march for Rome.

# HORACIO

*Balado verkita proksimume la tricentsesdekan jaron de la Urbo.*

---

Jen! Lars Porsen' de Klusiumo
Ekĵuris je'l'naŭ Dioj,
Ke l'ras' Tarkvina ne silentos
Plu pri insulto-krioj;
Je l'Dioj naŭ li ĵuris, tiam
Li nomis tagon, lokon,
Kaj al la gent' de l'oriento,
De l'sud', de l'nord', de l'okcidento,
Li sendis la alvokon.

Senditoj tial ĉien rajdas,
Kaj urbo, tur', dometo,
En ĉiu lando baldaŭ aŭdas
La voĉon de l'trumpeto.
Fi do! al Etruskano falsa
Restanta en la domo,
Ĉar Lars Porsen' de Klusiumo
Ekmarŝas kontraŭ Romo.

The horsemen and the footmen
    Are pouring in amain
From many a stately market-place;
    From many a fruitful plain;
From many a lonely hamlet,
    Which, hid by beech and pine,
Like an eagle's nest, hangs on the crest
    Of purple Apennine;

From lordly Volaterrae,
    Where scowls the far-famed hold
Piled by the hands of giants
    For godlike kings of old;
From sea-girt Populonia,
    Whose sentinels descry
Sardinia's snowy mountain-tops
    Fringing the southern sky;

From the proud mart of Pisae,
    Queen of the western waves,
Where ride Massilia's triremes
    Heavy with fair-haired slaves;
From where sweet Clanis wanders
    Through corn and vines and flowers;
From where Cortona lifts to heaven
    Her diadem of towers.

Nun, piedirante aŭ rajdante,
    Alvenas la vasaloj
Rapide, el majestaj urboj,
    El fruktodonaj valoj;
El vilaĝetoj izolitaj
    Sub fagoj kaj sub pinoj.
Ŝajnantaj aglonestoj sur la
    Purpuraj Apenninoj;

El alta Volatero, kie,
    Per grandegulaj manoj
La muroj iam konstruiĝis
    Por diaj reĝtiranoj;
El maroborda Populono,
    Kie la gardistaro
La neĝajn Sardajn montopintojn
    Ekvidas trans la maro;

El la vendej' de Piso, glora
    Reĝino de la maro,
En kies ŝipoj de Masiljo
    Remadas la sklavaro;
El kie Klano dolĉe fluas
    Tra frukta regiono;
El kie l'urb' Kortono brilas
    Per alta turokrono.

Tall are the oaks whose acorns
    Drop in dark Auser's rill;
Fat are the stags that champ the boughs
    Of the Ciminian hill;
Beyond all streams Clitummus
    Is to the herdsman dear;
Best of all pools the fowler loves
    The great Volsinian mere.

But now no stroke of woodman
    Is heard by Auser's rill;
No hunter tracks the stag's green path
    Up the Ciminian hill;
Unwatched along Clitumnus
    Grazes the milk-white steer;
Unharmed the water fowl may dip
    In the Volsinian mere.

The harvests of Arretium
    This year, old men shall reap.
This year young boys in Umbro
    Shall plunge the struggling sheep;
And in the vats of Luna
    This year, the must shall foam
Round the white feet of laughing girls
    Whose sires have marched to Rome.

La glanoj de l'kverkegoj falas
Apud l'Aŭsera fonto;
La cervoj l'arbobranĉojn maĉas
De l'Ĉiminia monto;
La riveretoj de Klitumno
Ĝojigas la paŝtistojn;
La granda Volsinia lago
Gajigas la paŝistojn.

Sed nun apud l'Aŭsera fonto
Hakista bat' ne sonas;
La verdajn vojojn de la cervo
Neniu ajn spionas;
Apud Klitumno, nevidite
Sin paŝtas la bovaro;
Ĉe l'Volsiuia lag' sentime
Sin banas la birdaro.

Rikoltojn de Arretiumo
La maljunuloj havos;
L'obstinajn ŝafojn en la Umbro
Nur junaj knaboj lavos;
Nur ĉe l'ŝaŭmanta Luna mosto
Piedoj blankaj restos
De gajulinoj kies patroj
Al Rom' irintaj estos.

There be thirty chosen prophets,
The wisest in the land,
Who always by Lars Porsena
Both morn and eveniug stand;
Evening and morn the Thirty
Have turned the verses o'er
Traced from the right on linen white
By mighty seers of yore.

And with one voice the Thirty
Have their glad answer given;
" Go forth, go forth, Lars Porsena,
Go forth, beloved of heaven;
Go, and return in glory
To Clusium's royal dome,
And hang round Nurscia's altars
The golden shields of Rome ".

And now hath every city
Sent up her tale of men;
The foot are fourscore thousand,
The horse are thousand ten.
Before the gates of Sutrium
Is met the great array.
A proud man was Lars Porsena
Upon the trysting day.

Tridek profetoj elektitaj,
Saĝuloj, en kunveno,
La tutan tagon ĝis vespero
Ĉeestas kun Porseno;
Kaj ĉiam ili esploradas
La sencon de l'versetoj
Skribitaj sur la blanka tuko
De noblaj praprofetoj.

Kaj unuvoĉe ili ĉiuj
Respondas per korbeno,
" Foriru, la ĉiel' vin amas,
Foriru, Lars Porseno;
Foriru, kaj revenu glore,
Al via reĝa domo,
Por ke pendiĝu sur l'altaro
La orŝildar' de Romo ".

Alvenas do la militistoj,
Ĉc okdekmil soldatoj,
Infanteri', kavalerio,
El la Etruskaj ŝtatoj.
En Sutrium' unuiĝintaj
Antaŭ la urbpordego;
Fiera estis Lars Porseno
Je l' tag' de l'kunvenego.

For all the Etruscan armies
    Were ranged beneath his eye,
And many a banished Roman
    And many a stout ally;
And with a mighty following
    To join the muster came
The Tusculan Mamilius,
    Prince of the Latian name.

But by the yellow Tiber
    Was tumult and affright;
From all the spacious champaign
    To Rome men took their flight.
A mile around the city
    The throng stopped up the ways;
A fearful sight it was to see
    Through two long nights and days.

For aged folks on crutches,
    And women great with child,
And mothers sobbing over babes
    That clung to them and smiled,
And sick men borne in litters
    High on the necks of slaves,
And troops of sun-burned husbandmen
    With reaping-hooks and staves,

Ĉar el la tuta land' ĉeestis
    Soldatoj ordigitaj;
Liganoj bravaj liaj, ankaŭ
    Romanoj ekzilitaj;
Kaj kun tre granda sekvantaro
    El l'urbo Tuskulumo
Alvenis tien Mamilio
    La princ' de Latiumo.

Sed ĉe Tibero flava estis
    Tumulto kaj timego;
Al Rom' el la kampar' okazis
    La homa forkurego;
La vojoj estis plenigitaj
    El ĉiu najbaraĵo,
Kaj dum du tutaj tagoj estis
    Terura la vidaĵo.

La maljunuloj, la lamuloj,
    Kun multe da virinoj
Gravedaj, aŭ plorantaj kvankam
    Ridetas la idinoj;
La malsanuloj sur la ŝultroj
    De sklavaj la portistoj.
Kaj, kun falĉiloj kaj bastonoj,
    Brunegaj laboristoj.

And droves of mules and asses.
    Laden with skins of wine,
And endless flocks of goats and sheep,
    And endless herds of kine,
And endless trains of wagons
    That creaked beneath the weight
Of corn-sacks and of household goods,
    Choked every roaring gate.

Now, from the rock Tarpeian,
    Could the wan burghers spy
The line of blazing villages
    Red in the midnight sky.
The Fathers of the City,
    They sat all night and day,
For every hour some horseman came
    With tidings of dismay.

To eastward and to westward
    Have spread the Tuscan bands;
Nor house, nor fence, nor dovecot
    In Crustumerium stands.
Verbenna down to Ostia
    Hath wasted all the plain;
Astur hath stormed Janiculum,
    And the stout guards are slain.

Je vinbareloj tre ŝarĝitaj,
Azenoj kaj mularoj;
Senĉesaj aroj da bovinoj,
Kun kaproj kaj ŝafaroj;
Kaj ĉaroj, unu post l'alia,
Krakantaj sub pezego
De mebloj kaj de grenosakoj,
En ĉiu urbpordego.

Kaj nun de la Ŝtoneg' Tarpeja
L'urbestroj rigardantaj
La fajrojn vidis de vilaĝoj
Je l'noktomez' brulantaj;
Ĉar de l'mateno ĝis la nokto
La urbestrar' kunsidis,
Al kiuj kun novaĵ' terura
La rajdantar' rapidis.

L'armeo Tuska ĉiuflanken
Tra la kamparo fluis,
Kaj palisarojn, kolumbejojn,
Kaj domojn ĝi detruis.
Verbeno tutan l'ebenaĵon
Ostian ruinigis;
Astur' Janikulumon kaptis
Kaj virojn li mortigis.

I wis, in all the Senate,
    There was no heart so bold,
But sore it ached, and fast it beat,
    When that ill news was told.
Forthwith up rose the Consul,
    Up rose the Fathers all;
In haste they girded up their gowns,
    And hied them to the wall.

They held a council standing
    Before the River-Gate;
Short time was there, ye well may guess,
    For musing or debate.
Out spake the Consul roundly;
    "The bridge must straight go down;
For, since Janiculum is lost,
    Nought else can save the town".

Just then a scout came flying,
    All wild with haste aud fear;
"To arms! to arms! Sir Consul;
    Lars Porsena is here".
On the low hills to westward
    The Consul fixed his eye,
And saw the swarthy storm of dust
    Rise fast along the sky.

Nu kiam la sciiĝ' malbona
    Atingis la Senaton,
La viroj la plej bravaj sentis
    Doloron kaj korbaton;
Stariĝis la Konsul', la estroj,
    El kie ili sidis,
Kaj la mantelojn kunprenante,
    La muron tuj rapidis.

Okazis tie konsiliĝo
    Antaŭ la pord' rivera; —
— Por parolad' aŭ disputado
    Ne estis temp' libera —
Ekkriis la Konsul' " Deĥaku
    La ponton; se ĝi restos,
Pro la kaptita fortikaĵo
    La urb' perdata estos ".

Sendito tiam enkuregis,
    Pro timo tremegante,
" Vin armu tuj, Sinjor' Konsulo,
    Jen Lars Porsen' venante ".
Al la montetoj okcidentaj
    Rigardis la Konsulo,
Kaj vidis kiel en ĉielon
    Sin levas polvnebulo.

And nearer fast and nearer
    Doth the red whirlwind come;
And louder still and still more loud
From underneath that rolling cloud,
Is heard the trumpet's war-note proud,
    The trampling and the hum.
And plainly and more plainly
    Now through the gloom appears,
Far to left and far to right,
In broken gleams of dark-blue light
The long array of helmets bright,
    The long array of spears.

And plainly and more plainly
    Above that glimmering line,
Now might ye see the banners
    Of twelve fair cities shine;
But the banner of proud Clusium
    Was highest of them all,
The terror of the Umbrian,
    The terror of the Gaul.

And plainly and more plainly
    Now might the burghers know,
By port and vest, by horse and crest,
    Each warlike Lucumo.

Kaj pli rapide kaj proksimen
    Alvenis la ventego,
Kaj ĉiam pli kaj pli bruanta
Sub tiu nub' envolviganta
Aŭdiĝis la trumpet' sonanta,
    L' armea murmurego;
Kaj ĉiam pli kaj pli videble
    Tra la nebul' malhela,
La vasta multo da legioj
Kun brilaj kaskoj en linioj,
Kaj lancoj kiel lumradioj
    De blukoloro bela.

Kaj ĉiam pli kaj pli videble
    Eĉ super tiuj kurboj,
Briletis klare la standardoj
    El dekdu belaj urboj.
Sed la plej alta, la standardo
    De Klusium' vidiĝis,
Pro kiu eĉ la Umbrianoj
    Kaj Gaŭloj ektremiĝis.

Kaj nun la ĉefaj princoj estis
    Pli klare rekonitaj;
Pro vest', ĉevalo, kask' aŭ kresko
    Precipe distingitaj;

There Cilnius of Arretium
    On his fleet roan was seen ;

And Astur of the fourfold shield,
Girt with the brand none else may wield,
Tolumnius with the belt of gold,
And dark Verbenna from the hold
    By reedy Thrasymene.

Fast by the royal standard,
    O'erlooking all the war,
Lars Porsena of Clusium
    Sat in his ivory car.

By the right wheel rode Mamilius,
    Prince of the Latian name;
And by the left false Sextus,
    That wrought the deed of shame.

But when the face of Sextus
    Was seen among the foes,
A yell that rent the firmament
    From all the town arose.

On the house-tops was no woman
    But spat towards him and hissed,
No child but screamed out curses,
    And shook its little fist.

Ĉilnio el Arretiumo
    Sur la ĉeval' vivplena;

Asturo kun la ŝild' kvarobla,
Tro peza por vir' malpli nobla;
Kaj Tolumni' per or' zonita;
Kaj li, Verben', el fortigita
    Lagdomo Trasimena.

Kaj apud la standardo reĝa,
    En sia ĉar' sidante,
Li, Lars Porsen' de Klusiumo,
    L'armeon travidante.

El Latiumo Mamilio
    La princo, dekstre staris;
Maldekstre falsa Seksto kin
    Hontindan agon faris.

Sed kiam la vizaĝ' de Seksto
    Aperis al Romanoj,
Krieg' ĉielon supreniris
    El buŝoj de l'urbanoj.

Virinoj sur tegmentoj staris
    Kraĉante kaj siblante,
L'infanoj ankaŭ lin malbenis
    Pugnetojn eĉ skuante.

But the Consul's brow was sad,
And the Consul's speech was low,
And darkly looked he at the wall,
And darkly at the foe;
" Their van will be upon us
Before the bridge goes down;
And if they once may win the bridge,
What hope to save the town?"

Then out spake brave Horatius,
The Captain of the Gate;
" To every man upon this earth
Death cometh soon or late.
And how can man die better
Than facing fearful odds,
For the ashes of his fathers,
And the temples of his Gods,

" And for the tender mother
Who dandled him to rest,
And for the wife who nurses
His baby at her breast,
And for the holy maidens
Who feed the eternal flame,
To save them from false Sextus
That wrought the deed of shame?

Mallaŭte la Konsul' parolis
Per voĉo de malĝojo;
La ponton li rigardis, ankaŭ
L'armeon sur la vojo.
" Se, antaŭ ol la pont' rompiĝos,
Alvenos ĝia fronto,
Esper' nenia restos savi
La urbon, pro la ponto ".

Subite Horacio brava,
La pordgardisto, diras,
" Pli malpli frue al la morto
Estaĵo ĉia iras;
Ĉu vir' pli noble povas morti
Ol sur la batalejoj
Per la honoro de prapatroj
Aŭ por la Dipreĝejoj! "

" Kaj por patrino kara kiu
Lin metis en lulilon,
Kaj por l'edzino kiu nutris
Sur sia brust' la filon;
Kaj por la sanktaj gardistinoj
De la eterna flamo;
Ĉar ĝi de Seksto savas ilin, —
— Li de malĉasta famo ".

" Hew down the bridge, Sir Consul,
    With all the speed ye may ;
I, with two more to help me,
    Will hold the foe in play.
In yon strait path a thousand
    May well be stopped by three ;
Now who will stand on either hand,
    And keep the bridge with me? "

Then out spake Spurius Lartius ;
    A Ramnian proud was he ;
" Lo, I will stand at thy right hand,
    And keep the bridge with thee ".
And out spake strong Herminius ;
    Of Titian blood was he ;
" I will abide on thy left side,
    And keep the bridge with thee ".

" Horatius, " quoth the Consul,
    " As thou sayest, so let it be ".
And straight against that great array
    Forth went the dauntless Three.
For Romans in Rome's quarrel
    Spared neither land nor gold,
Nor son nor wife, nor limb nor life,
    In the brave days of old.

" Do kiel eble plej rapide
Dehaku nun la ponton;
Se nur aliaj du min helpos
Haltigos ni la fronton.
Mil virojn en mallarĝa vojo
Tri povas bone bari;
Do miaflanken venu kiu
Kun mi nun volas stari ".

Tiam la Ramnian' fiera
Larcio, respondante,
Ekkriis, " Mi la ponton gardos
Ĉe l'dekstra flank' starante ".
Respondis ankaŭ Herminio
La Tician', dirante,
" Mi ĉe l'maldekstra flanko staros
La ponton kungardante ".

" Farota estu " la Konsulo
Al Horacio diris,
Kaj kontraŭ la armeo granda
La tri bravuloj iris.
Ĉar por la urbo ĉiuj donis
Eĉ kun malavareco,
Bienojn, filojn, membrojn, vivon,
En glora estinteco.

Then none was for a party;
Then all were for the state;
Then the great man helped the poor,
And the poor man loved the great;
Then lands were fairly portioned,
Then spoils were fairly sold;
The Romans were like brothers
In the brave days of old.

Now Roman is to Roman
More hateful than a foe,
And the tribunes beard the high,
And the Fathers grind the low.
As we wax hot in faction,
In battle we wax cold;
Wherefore men fight not as they fought
In the brave days of old.

Now while the Three were tightening
Their harness on their backs,
The Consul was the foremost man
To take in hand an axe;
And Fathers mixed with Commons
Seized hatchet, bar, and crow.
And smote upon the planks above,
And loosed the props below.

Neniu estis partiano,
Sed ĉiuj por la ŝtato,
La mizerul' riĉulon amis,
Riĉulo ŝajnis frato;
Terojn kaj akiraĵojn ĉiuj
Ricevis laŭ justeco,
Ĉar la Romanoj fratoj estis
En glora estinteco.

Sed nun Romanojn malamike
Malamas la Romanoj;
Juĝistoj ŝtelas de l'nobeloj,
La estroj de l'urbanoj;
Patriotismo malvarmiĝas
Pro manko je frateco;
Neniu plu batalas kiel
En glora estinteco.

Jen dum la tri herooj estis
L'armaĵon alligantaj,
Hakilon prenis la Konsulo,
Kaj ĉiuj ĉeestantaj
Per pikelegoj kaj marteloj
La ponttabulojn hakis,
Ĝis tiuj supre ekrompiĝis
Kaj la subtenoj krakis.

Meanwhile the Tuscan army,
    Right glorious to behold,
Came flashing back the noonday light,
Rank behind rank, like surges bright
    Of a broad sea of gold.
Four hundred trumpets sounded
    A peal of warlike glee,
As that great host, with measured tread,
And spears advanced, and ensigns spread,
Rolled slowly towards the bridge's head
    Where stood the dauntless Three.

The Three stood calm and silent,
    And looked upon the foes,
And a great shout of laughter
    From all the vanguard rose;
And forth three chiefs came spurring
    Before that deep array;
To earth they sprang, their swords they drew,
And lifted high their shields, and flew
    To win the narrow way.

Aunus from green Tifernum
    Lord of the hill of vines;
And Seius, whose eight hundred slaves
    Sicken in Ilva's mines;

Kaj dume la arme' Tuskana
    En la sunlum' rebrilis,
Kaj la vidaĵ' de l'vicoj helaj
Marŝantaj, al la ondoj belaj
    De ora mar' similis.
Kvarcentoj da trumpetoj tiam
    Batalmuzikon faris,
Kaj iris la arme', paŝante,
    Flagojn kaj lancojn sublevante,
Al ponto kie, atendante
    La tri bravuloj staris.

La malamikojn rigardante,
    La Tri' silente restis,
Kaj el la fronto de l'armeo
    Ridego moka estis.
Kaj tiam ĉefoj tri rapide
    Elrajdis el la fronto,
Eksaltis teren, alte tenis
La ŝildojn, la glavegojn prenis,
    Kaj kuris al la ponto.

Aŭno el verda Tifernumo
    La mont' de vinberejoj,
Kaj Sejo kies okcent sklavoj
    Laciĝas en minejoj;

And Picus, long to Clusium
    Vassal in peace and war,
Who led to fight his Umbrian powers
From that gray crag where, girt with towers,
The fortress of Nequinum lowers
    O'er the pale waves of Nar.

Stout Lartius hurled down Aunus
    Into the stream beneath;
Herminius struck at Seius,
    And clove him to the teeth;
At Picus brave Horatius
    Darted one fiery thrust;
And the proud Umbrian's gilded arms
    Clashed in the bloody dust.

Then Ocnus of Falerii
    Rushed on the Roman Three;
And Lausulus of Urgo,
    The Rover of the sea;
And Aruns of Volsinium,
    Who slew the great wild boar,
The great wild boar that had his den
Amidst the reeds of Cosa's fen,
And wasted fields, and slaughtered men,
    Along Albinia's shore.

Kaj Piko, dum milit' aŭ paco,
    L'amik' de Klusiumo,
Kiu kun sia soldataro
Alvenis el la ŝtonremparo
Kaj turoj apud l'akvo Naro,
    La forta Nekviumo.

Larcio Aŭnon per batego
    En la riveron sendis;
Kaj Herminio Sejon vundis
    Kaj lian kapon fendis;
Kuraĝa Horacio Pikon
    Nur unufoje puŝis,
Kaj la fiera Umbriano
    En sanga pulvo kuŝis.

Tiam aliaj tri ekkuris
    Al la Romana trio;
Laŭsul' de Urgo, marrabisto,
    Okno de Falerio,
Kaj el Volsinium', Arunso;
    L'apregon li mortigis
Loĝintan en la Kosaj kanoj,
Ĉar grenon de la vilaĝanoj
Kaj eĉ la vivon de la anoj
    Ĝi ofte ruinigis.

Herminius smote down Aruns;
    Lartius laid Ocnus low;
Right to the heart of Lausulus
    Horatius sent a blow.
"Lie there", he cried, "fell pirate!
    No more, aghast and pale,
From Ostia's walls the crowd shall mark
The track of thy destroying bark;
No more Campania's hinds shall fly
To woods and caverns when they spy
    Thy thrice accursed sail".

But now no sound of laughter
    Was heard among the foes.
A wild and wrathful clamour
    From all the vanguard rose.
Six spears' length from the entrance
    Halted that deep array,
And for a space no man came forth
    To win the narrow way.

But hark! the cry is Astur;
    And lo! the ranks divide;
And the great Lord of Luna
    Comes with his stately stride.
Upon his ample shoulders
    Clangs loud the fourfold shield,
And in his hand he shakes the brand
    Which none but he can wield.

Larcio Oknon tuj deĵetis,
Arunson Herminio;
La koron de Laŭsul' trapikis
La glav' de Horacio.
Kuŝiĝu, marrabist', " li kriis,
" El la Osti-kasteloj
Ne plu vidiĝos sur la maro
La vojo de l'rabadŝiparo;
Ne plu sin kaŝos la cervaroj
En la kavernoj aŭ arbaroj
Je l' vid' de viaj veloj ".

Sed nun inter la malamikoj
Ridad' ne plu aŭdiĝis;
Brueg' kolera kaj sovaĝa
De l' fronto komenciĝis.
Je lancoj ses de la eniro
La larĝaj vicoj haltis,
Dum longa tempo vir' neniu
El la arme' forsaltis.

Sed " Ho! Asturo! " oni krias;
La vicoj malfermiĝas;
Kaj el l'armeo la Sinjoro
De Luno nun eliĝas.
Sur liaj ŝultroj larĝaj pendis
La granda ŝild' kvarobla,
Kun glav' en mano kiu taŭgas
Nur por bravulo nobla.

He smiled on those bold Romans
  A smile serene and high;
He eyed the flinching Tuscans,
  And scorn was in his eye.
  Quoth he, "The she-wolf's litter
Stand savagely at bay;
But will ye dare to follow,
  If Astur clears the way?"

Then, whirling up his broadsword
  With both hands to the height,
He rushed against Horatius
  And smote with all his might.
With shield and blade Horatius
  Right deftly turned the blow;
The blow, though turned, came yet too nigh;
It missed his helm but gashed his thigh:
The Tuscans raised a joyful cry
  To see the red blood flow.

He reeled, and on Herminius
  He leaned one breathing-space;
Then, like a wild cat mad with wounds,
  Sprang right at Astur's face.
Through teeth, and skull, and helmet
  So fierce a thrust he sped,
The good sword stood a hand-breadth out
  Behind the Tuscan's head.

Li kun mieno tre trankvila
Rigardis la Romanojn,
Kaj per okul' malŝatoplena
Timemajn la Tuskanojn.
Kaj kriis, "Lupinidoj staras
Kontraŭe tre sovaĝe,
Sed eble, se mi vin kondukos,
Vi sekvos min kuraĝe".

Levinte tiam sian glavon
Per manoj du altege,
Li kontraŭ Horacio kuris
Kaj batis lin fortege.
Per ŝildo kaj glavego lerte
Sin savis Horacio;
Ne estis lia kask' tuŝita,
Sed el femuro vundegita
La sango fluis, kaj subita
Eksonis ĝoja krio.

Li ŝanceliĝis, sin klinante
Sur Hermini', kaj haltis;
Kaj tiam, kiel kat' sovaĝa,
Li sur Asturon saltis.
Tra kask' kaj dentoj li puŝegis
La glavon kun pasio,
Ĝis longe ĝia pint' transpikis
Eĉ ekster la kranio.

And the great Lord of Luna
    Fell at that deadly stroke
As falls on Mount Alvernus
    A thunder-smitten oak.
Far o'er the crashing forest
    The giant arms lie spread;
And the pale augurs muttering low,
    Gaze on the blasted head.

On Astur's throat Horatius
    Right firmly pressed his heel,
And thrice and four times tugged amain
    Ere he wrenched out the steel.
"And see" he cried, "the welcome,
    Fair guests, that waits you here!
What noble Lucumo comes next
    To taste our Roman cheer?"

But at his haughty challenge
    A sullen murmur ran,
Mingled of wrath, and shame, and dread,
    Along that glittering van.
There lacked not men of prowess,
    Nor men of lordly race;
For all Etruria's noblest
    Were round the fatal place.

Kaj falis la Sinjor' de Luno
Subite mortigita,
Simile al Alverna kverko
Per fulmo trafendita.
La branĉoj de la grandegulo
L'arbaran teron tegas,
Kaj la profetoj ĝian pinton
Rigardas, kaj timegas.

Kaj Horaci' kalkanon sian
Sur lia gorĝo tenis,
Kaj multefoje la glavegon
El ĝi eltiri penis.
" Ho! karaj gastoj ", li ekkriis,
" Rimarku la bonvenon!
Noblulo kiu nun alvenos
Gastumi la festenon! "

Kaj tiam ĉe la front' brilanta,
Pro la invit' fiera,
Murmur' mallaŭta ekaŭdiĝis,
Timema kaj kolera.
Ne mankis noble naskiĝintoj
Nek viroj braveguloj.
Ĉar tien estis kunvenintaj
L'Etruskaj nobeluloj.

But all Etruria's noblest
    Felt their hearts sink to see
On the earth the bloody corpses,
    In the path the dauntless Three;
And, from the ghastly entrance
    Where those bold Romans stood,
All shrank, like boys who unaware,
Ranging the woods to start a hare,
Come to the mouth of the dark lair
Where, growling low, a fierce old bear
    Lies amidst bones and blood.

Was none who would be foremost
    To lead such dire attack;
But those behind cried "Forward!"
    And those before cried "Back!"
And backward now and forward
    Wavers the deep array;
And on the tossing sea of steel,
To and fro the standards reel;
And the victorious trumpet-peal
    Dies fitfully away.

Yet one man for one moment
    Stood out before the crowd;
Well known was he to all the Three,
    And they gave him greeting loud;
"Now welcome, welcome, Sextus!
    Now welcome to thy home!
Why dost thou stay, and turn away?
    Here lies the road to Rome".

Sed al la koroj la plej noblaj
Mankis la energio,
Pro la mortintoj sur la tero,
Kaj la sentima Trio.
Kuraĝis eĉ neniu iri
Al tiu pontorando;
Kiel junuloj, kiuj volas
Leporon ĉasi, sed nur trovas
En la arbaro ursoneston
Kaj tie la sovaĝan beston
Kun sang' kaj ostviando.

Por la komenco de l'atako
Oferis sin neniu;
" Antaŭen iru ", iu kriis,
Kaj " Malantaŭen " iu;
Antaŭen do kaj malantaŭen
La viroj ŝanceliĝis;
La flagoj vane por batalo
Svingiĝis sur la mova stalo,
Kaj voĉoj de l' trumpet-signalo
Baldaŭ eksilentiĝis.

Sed unu viro el l' amaso
Eliris nur minuton,
Kaj rekoninte lin, la Trio
Ekkriis " Ho! saluton!
Bonvenu, Seksto, kaj bonvenu,
Jen estas via domo;
Kial vi restas kaj prokrastas?
Jen la vojet' al Romo ".

Thrice looked he at the city;
Thrice looked he at the dead;
And thrice came on in fury,
And thrice turned back in dread;
And, white with fear and hatred,
Scowled at the narrow way
Where, wallowing in a pool of blood,
The bravest Tuscans lay.

But meanwhile axe and lever
Have manfully been plied;
And now the bridge hangs tottering
Above the boiling tide.
" Come back, come back, Horatius! "
Loud cried the Fathers all;
Back, Lartius! back, Herminius!
Back, ere the ruin fall! "

Back darted Spurius Lartius;
Herminius darted back;
And, as they passed, beneath their feet
They felt the timbers crack.
But when they turned their faces,
And on the farther shore
Saw brave Horatius stand alone,
They would have crossed once more.

Trifoje li la mortigintojn,
Trifoje l' urbon vidis;
Trifoje furioze kuris,
Trifoje rerapidis;
Kaj per timego blankiĝinte
Blasfemis, pro l' vojeto
En kiu la bravuloj Tuskaj
Kuŝis en sang-lageto.

Nun per hakiloj kaj leviloj
La ponton oni fendis,
Ĝis sur la akvoj ŝaŭmegantaj
Ĝi rompiĝonte pendis.
Urbestraj voĉoj laŭte kriis
" Revenu, Horacio,
La ponto estas rompiĝanta,
Revenu, brava Trio ".

Larcio malantaŭen sal'tis
Kaj Hermini', kurantaj;
La traboj de la ponto krakis
Sub ili surpaŝantaj;
Sed kiam ili rerigardis
Kaj Horacion vidis
Lasitan trans la bordo, ili
Reiri tuj decidis.

But with a crash like thunder
    Fell every loosened beam,
And, like a dam, the mighty wreck
    Lay right athwart the stream;
And a long shout of triumph
    Rose from the walls of Rome,
As to the highest turret-tops
    Was splashed the yellow foam.

And, like a horse unbroken
    When first he feels the rein,
The furious river struggled hard,
    And tossed his tawny mane,
And burst the curb, and bounded,
    Rejoicing to be free,
And whirling down, in fierce career,
Battlement, and plank, and pier,
    Rushed headlong to the sea.

Alone stood brave Horatius,
    But constant still in mind;
Thrice thirty thousand foes before,
    And the broad flood behind.
"Down with him!" cried false Sextus,
    With a smile on his pale face;
"Now yield thee", cried Lars Porsena,
    Now yield thee to our grace".

Sed kun bruego tondra falis
La traboj malligitaj,
Kaj la ruinoj tute estis
Tra l'akvo disĵetitaj.
Kriego triumfega tiam
Eksonis el la muroj,
Kiam la flava ŝaŭmo spruĉis
Ĝis la plej altaj turoj.

Kiel ĉeval' l'unuan fojon
La bridon eksentante,
Tiel baraktis la rivero
En ŝaumon sin skuante;
Kaj saltis, sin liberigante,
Kaj rompis ĉian baron,
Portante sur la flusuprajoj
Subtenojn, trabojn kun murajoj,
Kaĵ kuris en la maron.

Nun sola staris Horacio
Sentima kaj konstanta;
Antaŭ, la naŭdekmil soldatoj;
Ĉe li, l'akveg' saŭmanta;
" Deĵetu lin ", ekkriis Seksto,
Kun rid' el falsa koro;
Porseno diris, " Al ni cedu
Kaj petu por favoro ".

Round turned he, as not deigning
Those craven ranks to see;
Nought spake he to Lars Porsena,
To Sextus nought spake he;
But he saw on Palatinus
The white porch of his home;
And he spake to the noble river
That rolls by the towers of Rome.

" O Tiber! father Tiber!
To whom the Romans pray,
A Roman's life, a Roman's arms,
Take thou in charge this day! "
So he spake, and speaking sheathed
The good sword by his side,
And with his harness on his back,
Plunged headlong in the tide.

No sound of joy or sorrow
Was heard from either bank;
But friends and foes in dumb surprise,
With parted lips and straining eyes,
Stood gazing where he sank;
Ad when above the surges
They saw his crest appear,
All Rome sent forth a rapturous cry,
And even the ranks of Tuscany
Could scarce forbear to cheer.

Li turnis sin, ĉar la timulojn
Li ne ekvidi volis,
Kaj al Porseno kaj al Sieksto
Nenion li parolis;
Sed sur Mont' Palatin' li vidis
La sian blankan domon,
Kaj preĝis al river' la nobla
Bananta belan Romon.

" Ho! patro vi! Tiber', al kiu
Preĝadas la Romanoj,
Armilojn, vivon miajn gardu
Hodiaŭ viaj manoj ".
Li diris; tiam eningigis
Je l' flanko la glavegon,
Kaj kun l'armaĵoj tute saltis
Subite en l'akvegon.

Nek ĝoja nek malĝoja krio
Aŭdiĝis de la tero,
Sed ĉiuj en silent', timante,
Senmovaj staris, atendante,
Pro lia malapero;
Sed kiam sur la akvosupro
La lia kap' revenis,
Aplaŭdis laŭte la Romanoj,
Kaj, je la ĝojo, la Tuskanoj
Mem preskaŭ partoprenis.

But fiercely ran the current,
Swollen high by months of rain;
And fast his blood was flowing,
And he was sore in pain,
And heavy with his armour,
And spent with changing blows;
And oft they thought him sinking,
But still again he rose.

Never, I ween, did swimmer,
In such an evil case,
Struggle through such a raging flood
Safe to the landing place;
But his limbs were borne up bravely
By the brave heart within,
And our good father Tiber
Bore bravely up his chin.

"Curse on him!" quoth false Sextus;
"Will not the villain drown?
But for this stay, ere close of day
We should have sacked the town!"
"Heaven help him" quoth Lars Porsena,
"And bring him safe to shore;
For such a gallant feat of arms
Was never seen before"

Sed la torent' fiere kuris,
Pro daŭro da pluvego,
Kaj lia sango forfluadis
Kun grava dolorego;
Kaj pro l' armaĵoj, kaj pro l' batoj
Kiujn li jam ricevis,
Li ofte subakviĝe iris
Sed ĉiam sin relevis.

Neniam al naĝant' okazis,
Kiun fatal' malbenis,
Ke post torent-barakto tia
Li teren realvenis.
Sed lia bravá koro helpis
La korpon per kuraĝo,
Kaj sur Tibero, patro nia,
Leviĝis la vizaĝo.

" Li malbenita estu " Seksto
Ekkriis, " Li ne dronas ;
Sen li ni estus nun en l'urbo,
Rabadon ni bezonas ".
" Lin helpu la ĉiel', lin savu "
Nur Lars Porseno kriis,
Ĉar tian heroaĵan agon
Neniam oni sciis "

And now he feels the bottom;
Now on dry earth he stands;
Now round him throng the Fathers
To press his gory hands;
And now with shouts and clapping,
And noise of weeping loud,
He enters through the River-Gate,
Borne by the joyous crowd.

They gave him of the corn-land,
That was of public right,
As much as two strong oxen
Could plough from morn till night;
And they made a molten image,
And set it up on high,
And there it stands unto this day
To witness if I lie.

It stands in the Comitium,
Plain for all folk to see;
Horatius in his harness,
Halting upon one knee;
And underneath is written,
In letters all of gold,
How valiantly he kept the bridge
In the brave days of old.

Kaj nun la fundon li ekpalpas,
Kaj nun sur tero kuŝas,
Kaj apud li la Patroj staras,
La sangajn manojn tuŝas;
Kaj nun kun krioj kaj aplaŭdoj
Kaj ploro tre kompata,
Li tra l' rivero-pordo iras
De la popol' portata,

Kaj al li estis donacita
El la publik-bieno,
Kampar', de bovoj du plugita
Dum unu tag', da greno;
Kaj oni metis bronz-statuon
En l'urbo, kiu restas
Hodiaŭ tie, kaj pro mia
Rakonto nun atestas.

Ĝi en la kunvenejo estas,
La bela figuraĵo
De Horacio surgenue
Vestita je armaĵo;
Kaj sube estas gravurita
Per enskribaĵo ora,
Ke li la ponton brave gardis
En l'estinteco glora.

And still his name sounds stirring
Unto the men of Rome,
As the trumpet-blast that cries to them
To charge the Volscian home;
And wives still pray to Juno
For boys with hearts as bold
As his who kept the bridge so well
In the brave days of old.

And in the nights of winter,
When the cold north winds blow,
And the long howling of the wolves
Is heard amidst the snow;
When round the lonely cottage
Roars loud the tempest's din,
And the good logs of Algidus
Roar louder yet within;

When the oldest cask is opened,
And the largest lamp is lit;
When the chestnuts glow in the embers,
And the kid turns on the spit;
When young and old in circle
Around the firebrands close;
When the girls are weaving baskets,
And the lads are shaping bows:

Ĝis nun la korojn de l' Romanoj
La lia nom' ekscitas,
Kiel trumpeto-voĉo kiu
Al la batal' invitas;
Kaj al Junon' patrinoj preĝas
Ke filoj, laŭ braveco,
Similu al la pontgardinto
Je l' glora estinteco.

Kaj en malvarmaj vintraj noktoj
Pro la venteg' blovanta,
Kiam sonadas tra la neĝo
La kri' de lup' blekanta;
Kaj kiam ekster kampdometoj
Aŭdiĝas la ventegoj
Dum en la domfajrejo brulas
Pli laŭte la ŝtipegoj;

Kiam barel' vinplena estas
Kun lampoj alportitaj,
Kaj kaprideto kun kaŝtanoj
Antaŭ la fajr' rostitaj;
Kiam ĉe l' famili-kunveno
Knabinoj korbojn faras,
Kaj apud la fajrej' junuloj
Pafarkojn reriparas;

When the goodman mends his armour,
    And trims his helmet's plume;
When the goodwife's shuttle merrily
    Goes flashing through the loom;
With weeping and with laughter
    Still is the story told
How well Horatius kept the bridge
    In the brave days of old.



Kiam armaĵojn l'edzo flikas,
Aŭ kaskoplumojn ligas;
Kiam l' edzino la bobenon
Tra la teksil' flugigas;
Aŭdiĝas la rakonto vera,
Kun ploro kaj gajeco,
Pri Horaci', la pontgardinto
Je l' glora estinteco.



# NOMARO



ALVERNO, monto apud Arretiumo, nun Alvernia.

ARRETIUMO, urbo Etruska, nun Arezzo.

ARUNSO, filo de Porseno.

ASTURO, la regnestro de Luno.

AŬSERO, Etruska rivero, nun Serchio.

ĈILNIO, noblulo de Arretiumo.

ĈIMINIA, nomo de montaro, foje la centro de la Etruska konfederacio kontraŭ Romo.

ETRUSKANO, ano de Etrurio, nun Toscana.

FALERIO, Etruska urbo, nun Faleria.

JANIKULUMO, unu el la sep Romaj montetoj, trans la Tibero, kie estis fortikaĵo. La ponto Sublicius kunigis ĝin kun la urbo. Sur ĝi Porseno lokis sian tendaron.

KLANO, rivero Etruska, fluanta en la Tiberon, nun nomita Clania.

KLITUMNO, rivero en Kampanio, nun Clitunno.

KLUSIUMO, Etruska urbo, en kiu Porsena estis entombigita, nun Chiusi.

KORTONO, Etruska urbo apud la norda flanko de la lago Trasimeno, nun Cortona.

LATIUMO, parto de Italujo apud la rivero Tibero.

LUNO, marborda Etruska urbo, fama pro ĝia marmoro. kaj proksime al la nuna Carrara.

MAMILIO, bofilo de Tarkvino.

MASILJO, nun Marseille, urbo fondita de Grekaj kolonianoj.

NARO, rivero en Umbrio.

NEKVIUMO, urbo en Umbrio, nun Terni.

OSTIO, urbo sur la marbordo apud la influejo de la Tibero, nun Ostia.

PALATINO, la plej granda el la sep Romaj montetoj, sur kiu oni ekkonstruis la urbon.

PIKO, reĝo de Latiumo.

PISO, Etruska urbo, nun Pisa.

POPULONO, Etruska urbo kies ruinoj nun vidiĝas apud Piombino.

PORSENO, Reĝo de Etrurio, kiu ekmilitis kontraŭ la Romanoj, ĉar ili ekzilis Tarkvinon kai lian familion.

RAMNIANA, la nomo de unu de la enlandulaj gentoj kiam Romo fondiĝis.

SEKSTO, filo de Tarkvino la Fiera, kiu estis la sepa kaj lasta reĝo de antikva Romo. Li malvirgigis Lukrecion, noblan Roman virinon. Pro tiu ago la tuta Tarkvina gento estis forpelita kaj ekzilita.

SUTRIUMO, Etruska urbo, nun Sutri.

TARKVINO, la kvina reĝo de Romo, kaj ĉefo de la Tarkvina gento.

TARPEJA, la Tarpeja Ŝtonego estis la krutegaĵo sur la Kapitolina monteto en Romo. De ĝia supro oni kutimis deĵeti la perfidulojn.

TIBERO, la rivero de Romo, nun Tevere.

TICIANA, nomo de unu el la enlandulaj gentoj kiam Romo fondiĝis.

TIFERNO, antikva urbo sur samnoma rivcro nun nomita Biferno.

TOLUMNIO, Reĝo de Vejo, Etruska urbo, kies ruinojn oni nun vidas apud Isola Farnese,

TRASIMENO, Etruska lago.

TUSKA, Etruska.

TUSKULUMO, urbo de Latiumo ne malproksime de Romo.

UMBRO, Etruska rivero, nun Ombrone.

VERBENO, Etruska princo.

VOLATERO, Etruska urbo nun Volterra.

VOLSINIUMO, urbo Etruska kun lago, nun Bolsena.



